[Ja]ro III/VII. N-o 9 (33) Junio 1926

# Sennacieca Revuo

Monata Organo
de Sennacieca Asocio Tutmonda

Fondita en 1919

## Literaturo - Scienco - Pedagogio

ENHAVO:



**Redakcio: 1-a Tverskaja-Jamskaja, 35, kv. 5, Moskvo I (USSR)**
**Administracio: Rich. Lerchner, Colmstrasse 1, Leipzig O 27 (Germ.)**

# REDAKCIA ANGULO

Inter la redaktantoj kaj la administranto — daŭra konflikto. Jam kelkaj numeroj de "S. R." aperas kun malfruiĝo. La administranto ne estas kontenta. Ja la malakurateco de l' redaktantoj rompas la horloĝan precizecon de l' administra aparato, sentaktigas ĝian regulan funkciadon . . .

Oni ne komprenu ĉi-suprajn liniojn kiel nuran riverencon nian antaŭ la administranto. Tute ne! Ni tuŝis tie ĉi la temon pri la rolo de kelkies malakurateco en bonfunkciado de aparato speciale por montri, substreki kiel aparta ero, etaĵo el la tuto, kapablas malfunkciigi la mekanismon, senreguligi la vivon de organismo. Ĉar tiun rilaton kaj dependecon inter la tuto kaj ĝia aparta ero necesas tre bone koncepti, kiam oni parolas, des pli kiam oni laboras por solidareco.

Kaj same intence ni metis en ĉi-numeron la rakonton de J. London, kiu ilustre montras, kia organiziteca povas (kaj devas) esti laboristara ago, se oni deziras, ke el ĝi rezultu sukceso.

J. London fantaziis. Li, kiu ĉefe verkis surbaze de siaj observoj pri reala vivo, kiu scipovis sian vivan sperton transformi en timigoplenajn literaturajn bildojn de realo — li kapablis ankaŭ fantazii; sed eĉ fantaziante li scipovis la imagaĵojn prezenti per bildoj realecaj: ja tiel realaj ŝajnas esti en lia rakonto la bildoj de senforteca tumulto en kapitalista tendaro dum ĝenerala striko.

Sed la reala vivo ofte montras, ke ne decas krei por si iluziojn; ĝi instruas, ke por atingi sukceson, necesas bone prepari ĝin; ke por dece defendi sin kontraŭ malamiko, necesas taksi ne la eblon de tumultiĝo en lia tendaro, sed ĝuste taksi la eblan forton de lia kontraŭstaro; necesas zorgi, ke la tuto estu efektive solidareca, ke ne estu en la tuto iu ero, kiu malfunkciigus la funkciadon de la tuto. Aliel . . . aliel la imagataj realecaj bildoj de London povas en realo krevi kiel sapveziko . . .

Tion koncepti, kaj koncepti bone, devas ankaŭ ni — SAT-anoj. Se ni deziras, ke

"... Jen pro fortega man' falu patria mur'",

ke

"... flirtu tre bela flag' super senlima land'",

ni ne nur devas "haki kun sona takt'" — kiel instruas nin la presata frontloke versaĵo de k-do Johansson, per sia simpleca belo sonanta kiel SAT-himno, sed ni devas bone koncepti la eblan plejon de forto, kun kiu multo ekster ni kaj eĉ en ni mem baras la vojon al nia idealo — al la sennaciismo . . .

*La Redakcio.*



# SENLIMA LANDO

KARL JOHANSSON

Kial nur part' de ter' estus patria land',
Kiu nin en sufer' baras per lima rand',
Donas al unu klas' lukson kun la komfort',
Rabas ĉe sklava mas' ĉion ĝis ties mort'?

Ĉu do en land' kun lim' estus por rajto spac',
Kie prolet', viktim' sklavas sub la minac'
De la perforta skurĝ', ĉiam dum granda ŝtel
Uzas ĝin raba burĝ' nur por malica cel'?

Estas ne land' por am' tiu ĉi fi-patri',
Armas prolet' sin jam ĉiel nun kontraŭ ĝi;
Ĉie en vasta mond' levu sin ĉiu sklav'
Kune en forta rond' tuj por la fina sav'.

Krakas el suba ŝakt', bruas sub firma mont',
Hakas kun sona takt' ĝuste por la estont',
Jen pro fortega man' falos patria mur',
Batas ĝin jam SAT-an do por justeco nur.

Brilas radi' de sun' tra la vastega SAT,
Donas esperon nun bone al ĉiu frat',
Flirtos tre bela flag' super senlima land',
Venos la nova tag' paca sen burĝa band'.



# LA REVO DE DEBS

*JACK LONDON*

Mi vekiĝis almenaŭ unu horon pli frue, ol mi vekiĝas ordinare. Tio mem estis stranga kaj mi kuŝis en lito, meditante pri tio. Mi ne sciis, kio estis, sed sentis, ke io estas malnormala. Min premis antaŭsento de io terura, kiu iam okazis aŭ devis okazi. Kio ĝi povis esti? Mi penis iel tion klarigi al mi. Mi memoris, ke dum la granda tertremo 1906 jaro multiuj asertis, ke ili vekiĝis kelkajn minutojn ĝis la unua ektremo kaj dum tiuj minutoj ili suferis strangan senton de teruro. Ĉu denove devis okazi tertremo ĉe San-Francisko?

Mi kuŝis preskaŭ tutan minuton kvazaŭ ŝtoniĝinte, sed la muroj ne tremis, ne estis sentebla ia puŝigo, nek bruo de falantaj muroj. Ĉio estis trankvila. Nome tiel. Silento! Ne mirinde, ke mi estis konfuzita. La bruo kaj muĝo de l' grandurbo ne estis aŭdeblaj. Ordinare la tramvagonoj pasis tra mia strato dum ĉi-tempo de l' tago almenaŭ post ĉiuj 3 minutoj; sed hodiaŭ ne unu tramvagono pasis almenaŭ dum 10 minutoj. Mi ekpensis, ke eble estas striko de l' tramistoj; aŭ, eble, okazis iu difektiĝo kaj forestas elektro-energio. Sed ne, la silentego estis plena. Mi aŭdis nek bruon kaj knaron de l' radoj, nek frapadon de l' ĉevalaj hufoj sur la glata pavimaro.

Mi per la fingro ekpremis la butonon de l' elektra sonorilo ĉe mia lito kaj penis ekaŭdi ties sonoron, kvankam mi sciis, ke tio estas malebla, ĉar nin dividis tri etaĝoj. Tamen la sonorilo, verŝajne funkciis, ĉar post kelkaj minutoj Brown eniris al mi en la ĉambron, tenante sur plado la matenan ĵurnalon. Kvankam la trajtoj de lia vizaĝo estis same senpasiaj, kiel ĉiam, sed mi tamen rimarkis ian timeman esprimon en liaj okuloj. Mi ankaŭ rimarkis, ke sur la plado forestas kremo.

— Kremon oni hodiaŭ matene ne liveris, — klarigis li — bulkojn ankaŭ.

Mi denove ekrigardas la pladon. Anstataŭ freŝaj bulkoj, tie kuŝis nur kelkaj pecoj da hieraŭa pano, la plej terura, kian mi povis al mi imagi.

— Nenio estis hodiaŭ liverita, *sir* — komencis klarigi al mi Brown, kvazaŭ por senkulpiĝo, sed mi interrompis lin.

— Kaj la ĵurnalo?

— Jes, *sir,* ĝi estas la unika objekto, kiu estis hodiaŭ matene liverita, sed ankaŭ je la lasta fojo. Morgaŭ jam ne estos ĵurnaloj. Pri tio komunikas la ĵurnalo. Ĉu mi povas foriri kaj aĉeti por vi kondensitan lakton?

Mi nee svingis la kapon, eltrinkis nigran kafon kaj malfermis la ĵurnalon. Ĝiaj titoloj klarigis al mi ĉion, eĉ tro multon, ĉar la pesim-

ismo de l' ĵurnalo proksimis al ridindo. Tie estis dirite, ke en la Unuigitaj Ŝtatoj estas deklarita **ĝenerala striko.** Estis eldiritaj la plej seriozaj timoj pri la nutraĵa provizado de l' grandaj urboj.

Mi rapide legis la ĵurnalon, enpensiĝante nur en la esencaĵon kaj nevole rememorante la laboristajn malpaciĝojn en la pasinto. Dum tuta generacio la ĝenerala striko estis revo de l' organizitaj laboristoj; krome, ĉi-revo unuafoje konjektiĝis en la kapo de Debs, unu el la grandaj laboristaj gvidintoj tridek jarojn antaŭe. Mi rememoras, ke dum mia studado en la kolegio mi eĉ verkis artikolon pri tiu temo por unu el la revuoj, kiun mi titolis: "La revo de Debs". Mi devas konfesi, ke mi estis tre taktika, pure akademie traktis mian temon kaj konsideris ĝin revo kaj plu nenio. La tempo kaj la mondo daŭrigis sian movadon. Hompers foriris de l' sceno, la amerika Federacio de l' Laboro ankaŭ, kaj egale Debs kun siaj sovaĝaj revoluciaj ideoj; sed lia revo restis, kaj jen ĝi finfine fariĝis realaĵo. Sed mi ridis, legante la malĝojajn antaŭdirojn de l' ĵurnalo. Mi estis pli bone sciinta. Mi tro ofte vidis, kiel la organizitaj laboristoj suferis malvenkojn en diversaj konfliktoj. Estis klare, ke post kelkaj tagoj ĉio estos restarigita. Tio estis nacia striko, kaj tial la registaro sendube devos interveni kaj rapide forigos ĝin.

Mi forĵetis la ĵurnalon kaj komencis min vesti. Sendube, mi ekpensis, estos interese iri tra la stratoj de San-Francisko kaj ne renkonti en la tuta urbo eĉ unu veturilon.

— Senkulpigu, *sir,* — diris Brown, prezentante al mi la cigarujon, — sed *master* Harmed petis vin interparoli kun li antaŭ via foriro.

— Li tuj venu — respondis mi.

Harmed estis mia lakeo. Kiam li eniris, mi vidis, ke li kun peno sin retenis. Li tuj ekparolis pri la afero.

— Kion ni faros, *sir?* Necesas nin municii je provizaĵo, kaj la liverantoj ekstrikis. La elektro ankaŭ estingiĝis, mi opinias, ke tie ankaŭ oni ekstrikis.

— Ĉu estas malfermitaj la magazenoj? — demandis mi.

— Nur la malgrandaj, *sir.* Ĉiuj komizoj disiris, kaj la grandaj magazenoj ne povas esti malfermitaj; sed la mastroj kun iliaj familianoj negocas mem en la malgrandaj.

— Tiam prenu la aŭton — diris mi — kaj forveturu por la aĉetoj. Aĉetu sufiĉe da ĉio necesa al vi. Aĉetu ankaŭ keston da kandeloj, ne, eĉ duon-dekduon da kestoj. Kaj kiam vi finos, diru al Harrisson, ke li alveturu min preni el la klubo ne pli malfrue ol je la dekunua.

Harmed serioze eksvingis la kapon.

— *Master* Harrisson ekstrikis kune kun la aŭtista sindikato, kaj mi ne scipovas gvidi la aŭton.

— Ha, tiel! Li ekstrikis! — diris mi. — Bone, kiam vi vidos sekvantfoje "*master*" Harrisson, bonvolu diri al li, ke li serĉu por si alian oficon.

— Bone, *sir*.

— Kaj vi okaze ne apartenas al la kelnera sindikato? Diru, Harmed.

— Ne, *sir*, — respondis li — sed eĉ se mi apartenus, mi tamen ne forlasus mian mastron dum tia kritika momento. Ne, *sir*, mi . . .

— Bone, dankon! — mi diris, — Nun prepariĝu por akompani min. Mi mem gvidos la maŝinon, kaj ni faros sufiĉan rezervon por eltoleri la sieĝon.

Estis belega unuamaja tago, malofteca eĉ por majaj tagoj. La ĉielo estis sennuba ne estis vento, kaj la aero estis varma kaj aromplena, kvankam sur la stratoj estis multe da aŭtoj, sed ilin gvidis la mastroj mem. La stratoj estis superplenaj da popolanoj, sed ĉio estis trankvila. La laborista klaso, vestita je plej bonaj fest-kostumoj, promenis tra la stratoj kaj observis la impreson, kiun kaŭzis la striko. Ĉio-tio estis eksterordinara, sed samtempe ĉio fluis tiom pace, ke mi nevole rigardĝuis. Miaj nervoj agrable agitiĝis. Tio estis kvazaŭ ia paca aventuro. Mi renkontis *miss* Cheekering. Ŝi mem gvidis sian malgrandan aŭton. Ŝi abrupte turnis ĝin kaj ekkaptis min ĉe la strat-angulo.

— Ho, *master* Korf! — ekkriis ŝi. — Ĉu vi scias, kie mi povus aĉeti kandelojn? Mi ĉirkaŭveturis preskaŭ duon-dekduon da magazenoj, kaj ĉie ili estas disvenditaj. Tio estis simple terura! Ĉu ne tiel?

Tamen ŝiaj brilantaj okuloj ne konformis al la diritaj vortoj. Kiel al ni ĉiuj, tio sendube havigis al ŝi grandegan plezuron. Tio estis tuta sensacio — akiri por si kandelojn ĉi tiujn. Ni ne havigis ilin al ni, ĝis ni ekveturis al laborista kvartalo je la sudo de l' Merkat-strato, kie ni trovis malgrandan magazeneton, kiu ne jam sukcesis ĉion disvendi. *Miss* Cheekering opiniis, ke sufiĉos unu kesto, sed mi konvinkis ŝin preni kvar. Mi havis grandan aŭton, kaj tial mi aĉetis dekduon da kestoj. Estis neeble antaŭvidi, kiom da tempo necesos por la finiĝo de l' striko. Tial mi ŝarĝis mian aŭton per sakoj da faruno, sekaj fecoj, kestetoj da plej diversaj konservaĵoj kaj ceteraj necesaĵoj, kiujn indikis al mi Harmed, turniĝinta ĉirkaŭ la aĉetaĵoj kaj klukinta kiel maljuna kokino.

La plej mirinda estis tio, ke la unuan tagon de l' striko mi absolute ne povis konjekti, kiom ĝi povas okazi serioza. La deklaroj de l' organizitaj laboristoj, publikigitaj en la matenaj ĵurnaloj, pri tio, ke ili povas rezisti tutan monaton, kaj se necesos eĉ tri, elvokis nur ridon. Tamen la unuan tagon mem ni povis konvinkiĝi, ke la laboristaro ne partoprenis tute la ĉason pro produktoj kaj ne faris iajn rezervojn. Kompreneble, ne! Dum multaj semajnoj, eĉ monatoj, la tuta laborista klaso faris sekrete grandegajn rezervojn da provizaĵoj. Jen kial ni povis veturi al laborista kvartalo kaj aĉeti en la budoj najbaraj.

Mi komencis maltrankviliĝi nur tiam, kiam tage mi venis mian klubon kaj ekvidis ĝeneralan konfuziĝon. Por la "koktejloj" ne estis olivoj, kaj la tablo-aranĝo estis ĉiel kritikebla. La plejparto de l' vizit-

intoj estis en malbona humorstato kaj ĉiuj estis terure ekscititaj. Min renkontis tuta koruso da voĉoj.

La generalo Folson sidis en komforta fotelo ĉe la fenestro de l' fumoĉambro kaj sin defendis kontraŭ la atako de duon-dekduo da ekscititaj "*gentlemen*", kiuj postulis, ke li ion faru.

— Kion mi ankoraŭ povas fari krom la farito? — diris li. — Forestas ordonoj el Washington. Se vi, sinjoroj, sukcesos ekinterrilati telefone, mi faros ĉion ordonotan al mi. La unua, kion mi faris, ekscitite hodiaŭ pri la striko, estis ordono al la garnizonaj trupoj, nombrantaj ja ĉirkaŭ tri mil homojn. Ili gardas la bankojn, monstampejon, poŝtejon kaj ĉiujn publikajn konstruaĵojn. Ne estas iaj maltrankvilaĵoj. La strikantoj kondukas tute pace. Vi ja ne povas postuli de mi, ke mi ordonu ilin pafmortigi, kiam ili promenas tra la stratoj kun siaj edzinoj kaj infanoj en siaj plej bonaj festvestoj.

Mi deziris scii, kio fariĝas ĉe Wallstreet, kaj demandis pri tio Jammy Wembald, kiam mi pasis preter li.

Mi povis imagi al mi lian ekscitiĝon, ĉar mi sciis, ke li estas interesita je unu granda konsolidita okcidenta entrepreno.

— Aŭskultu, Korf, — haltigis min Atkinson, — ĉu via maŝino funkcias?

— Jes — respondis mi. — Sed kio okazis al la via?

— Rompita, kaj ĉiuj garaĝoj estas fermitaj. Mia edzino estas ie apud Troockee kaj, mi opinias, ne havas komunikon kun la firmlando. Pro kia ajn mono mi ne sukcesis sendi al ŝi telegramon. Ŝi devis reveni hodiaŭ vespere. Eble ŝi jam mortis pro malsato. Pruntu al mi vian maŝinon.

— Vi tutegale ne povas transveturi la golfon, — intervenis en la paroladon Halsted. — La vaporŝipa komunikado estas ĉesigita. Sed mi diros al vi, kion vi povas fari. Jen Rollinson; hallo Rollinson! Venu ĉi tien por minuto! Atkinson deziras transporti sian maŝinon trans la golfon. Lia edzino troviĝas tiuflanke en Troockee kaj estas izolita de ni. Ĉu vi ne povos venigi "Lourlette" el Tiburon kaj transporti sur ĝi la maŝinon?

"Lourlette" estis granda oceana jakto je ducent tunoj.

Rollinson nee kapgestis.

— Vi ne sukcesos ricevi eĉ unu havenlaboriston por ŝarĝi vian maŝinon sur la jakton, eĉ se mi sukcesus venigi ĉi tien "Lourlette", kion, cetere, mi ne eblas fari, ĉar la tuta ŝipanaro estas aniĝinta ĉe la marista sindikato, kaj ĝi strikas, kiel ĉiuj aliaj.

— Sed mia edzino eble mortas pro malsato — ekaŭdis mi la malgajan voĉon de Atkinson, pasante preter li.

En la kontraŭa angulo de l' fumĉambro mi renkontiĝis kun grupo da personoj, kiuj ekscitite kaj kolere turniĝis ĉirkaŭ Berty Mussener. Kaj Berty incitmokis kaj elpaciencigis ilin per siaj malvarmsangaj kaj cinikaj paroloj. Li havis multe da aplombo, almenaŭ en la ordinaraj

viv-aferoj; ĉio banala kaj ordinara ne interesis lin. Li havis dudek milionojn da dolaroj kaj pluse tre bone lokigitajn, kvankam li mem neniam dum sia vivo laboris, sed heredis sian havaĵon de patro kaj du onkloj. Li ĉie estis, ĉion vidis kaj ĉion spertis krom la edzeco; li obstine defendis sian fraŭlan pozicion kontraŭ la kruela atako de kelkcentaj ambiciemaj panjoj. Dum kelkaj jaroj li estis la plej alloga kaptaĵo kaj tamen sukcesis eviti la kaptiĝon. Li senrefute estis plej dezirinda fianĉo. Krom lia riĉeco, li estis juna, bela, kaj kiel mi pli frue diris, senriproĉa en ĉiuj rilatoj. Li estis belega atleto, vera juna blonda dio, kiu ĉion faris kun mirige perfekteco krom la edziĝo. Li al nenio emis, ne estis ambiciulo, ne havis iajn pasiojn, eĉ nek deziron fari tiajn aĵojn, kiun li faris pli bone ol aliu.

— Sed tio ja estas ribelo! — kriis iu el la ĉirkaŭinta lin grupo. Aliaj nomis tion revolto, triaj — revolucio, kaj iu nomis tion anarkio.

— Mi tion ne vidas, — diris Berty. — Mi estis hodiaŭ en la strato. Ĉie regas plena ordo. Mi neniam vidis pli pace inspiritan loĝantaron. Malestas ĉia bazo por diri tiajn vortojn. Nek unu konvenas. Tio estas nur tio, kio estis deklarita, t. e. la ĝenerala striko, kaj nun, ludu vi, sinjoroj!

— Kaj ni bone ludos! — ekkriis Harfield, unu el la konataj milionuloj. — Ni montros al ĉi-kanajlaro, kie estas ilia loko. Ili atendu ĝis ĉi tien intervenos la registaro.

— Sed kie estas la registaro? — replikis Berty. — Se tio koncernas vin, ĝi povus eĉ troviĝi sur la fundo de oceano. Vi ja ne scias kio estas en Washington. Vi eĉ ne scias, ĉu ĝenerale estas nun registaro aŭ ne.

— Nu, pri tio ne maltrankviliĝu — ekgrumblis Harfield.

— Mi certigas vin, ke mi tute ne maltrankviliĝas — ridetante respondis Berty. — Sed ŝajnas al mi, sinjoroj, ke necesas maltrankviliĝi pro via konduto. Ekrigardu vin en spegulo, Harfield!

Harfield ne rigardis sin en spegulo, sed se li tion farus, li ekvidus tre ekscititan homon kun ĉifita vizaĝo sangplena, grizaj haroj, buŝo kurbiĝinta pro kolero, kaj sovaĝe brilantaj okuloj.

— Mi certigas vin, ke la afero ne estas tute tiom bonstata! — diris la malgranda Hanover; laŭ la esprimo de lia voĉo mi komprenis, ke li ne la unuan fojon prononcis ĉi-vortojn.

— Ne, nun tio alvenis tro malproksimen, Hanover, refutis Berty. — Vi estas enuaj, sinjoroj! — Ĉiuj vi estas partianoj de l' libera negocado. Vi ekzumis plenajn orelojn per via senfina babilado pri la libera komerco kaj la rajto de l' homo je laboro. Vi nur pri tio krakparolis dum la lastaj jaroj! La laboristoj faras nenion malbonan, aliĝante al ĉi-striko. Ĉi tie forestas iu malobeo de l' diaj aŭ homaj leĝoj. Ne refutu, Hanover! Vi mem tro multe argumentis pri la de dio donita rajto labori . . . aŭ ne labori; kaj tial vi ne evitos ĉi-antaŭtezon. Tio estas tre malbona kaj malagrablega situacio kaj nenio plu!

Vi sukcesis jungi la laboristojn kaj ilin bridi, kaj nun la laboristoj elŝoviĝis elsub vi kaj siavice vin ekjungis, kaj tial vi krietas.

La grupo ĉirkaŭinta lin komencis kun indigno refuti al li, ke neniu iam eĉ pensis veturi sur la dorsoj de l' laboristoj.

— Ne, *sir!* — kriegis Harfield. — Ni faris por la laboristoj ĉion eblan! Anstataŭ veturi sur iliaj dorsoj, ni donis al ili la eblecon vivi. Por tio ni kreis la laboron. Kiu bezonus la laboron, se ne ni?

— Des pli bone! — rikanis Berty. — Vi ĉiam veturis sur la dorsoj de l' laboristoj ĉiun fojon, kiam vi havis por tio eblon kaj tempon, kaj vi ĉiam deflankiĝis de via vojo, por havi tiun eblon.

— Ne, ne, — aŭdiĝis ekkrioj.

— Ĉe ni en San-Francisko estis nedelonge striko de l' veturilistoj — senindigne daŭrigis Berty. Ĉi-strikon elvokis la Entreprenista Asocio. Vi tion scias. Kaj vi ankaŭ scias, ke mi troviĝis inter ĉi-muroj mem, kaj tial mi konas ĉiujn internajn detalojn de l' batalo. Komence vi elvokis la strikon, kaj poste koruptis la urbestron kaj la policestron, kaj rompigis la strikon. Kia dolĉiga bildo estis observi, kiel vi, filantropoj, provokis la veturilistojn al striko, kaj poste rajdas sur ili.

— Atendu, mi ankoraŭ ne finis. Ne pli malproksime, ol pasintjare, la gubernatoron de Kolorado (ŝtato) la laboristoj estis elektintaj el siaj vicoj. Tamen li neniam estis oficialigita. Vi scias kial. Vi scias, ke tio estis la afero de l' manoj de viaj fratoj — filantropoj kaj kapitalistoj de Kolorado. Tio donis al vi superfluan eblecon ekpremi la laboristojn kaj sidiĝi sur ilian kolon. Vi dum tri jaroj tenis en malliberejo la prezidanton de l' sud-okcidenta minista sindikato pro falsa kulpigo je mortigo, kaj foriginte lin de via vojo, vi rompis la sindikaton. Mi esperas, vi konsentos, ke nome tio nomiĝas veturi sur la dorsoj de l' laboristoj. La triafoja forbaloto de l' leĝo pri progresiva laŭenspeza imposto, kiel kontraŭdiranta la leĝon, estis samspeca artifiko. La samo: la leĝo pri okhora labortago, kiun vi rompigis ĉe la lasta kongreso.

— El ĉiuj viaj senmoralaj kaj maldelikataj artifikoj la plej indigniga estis la rifuzo kontraŭ principo pri dungado ekskluzive de sindikatanoj. Vi scias, kiel tio okazis. Vi koruptis Farbourg'on, la prezidinton de l' Amerika Federacio de l' Laboro. Li estis via kreitaĵo, aŭ la kreitaĵo de ĉiuj trustoj kaj entreprenistaj sindikatoj, kiuj celas la samon. Vi mem elvokis la strikon, kies ĉefa postulo estis dungado ekskluzive de sindikatanoj. Farbourg perfidis la strikon. Vi gajnis, kaj la malnova Amerika Federacio de l' Laboro likvidiĝis. Ĝin detruis vi, sinjoroj, sed per tio vi ankaŭ detruis vin; ĉar post tio tuj komencis organiziĝi la I. L. U. (Internacia Laborista Unio), la plej granda kaj fortika laborista organizaĵo el ĉiuj, kiuj iam ajn ekzistis en Usono. La kulpo pro ĝia apero falas sur vin tute same, kiel la kulpo pro la nuna ĝenerala striko. Vi detruis la malnovajn federaciojn kaj naskigis I. L. U., kaj I. L. U. organizis la ĝeneralan strikon kaj daŭrigas bataladi pro la

sama principo: dungado ekskluzive de sindikatanoj. Kaj post tio vi havas la aplombon diri al mi en la vizaĝon, ke vi neniam premis la laboristojn kaj ne penis rajdi sur ili? Ba!

Ĉi-fojon refutoj ne sekvis. Nur Harfield ekbalbutis por sia defendo:

— Mi ne faris ion, al kio nin ne devigis atingo de l' triumfo super ili.

— Mi diras nenion ĉi-rilate, — respondis Berty. — Sed tio, kio min nunminute indignigas, estas tiu ĝemado, kiun vi nun aŭdigas, kiam vi devis mem gustumi la guston de via propra medikamento. Sed en kiom da strikoj vi triumfis en viaj aspiroj subjugi la laboristojn? Kio do estas, se responde la laboristoj ankaŭ ellaboris sian planon: je sia vico jungi vin? Ili deziras, ke oni dungu nur sindikatanojn, kaj se ili povas tion atingi nur per tio, ke ili vin malsatigu, vi devos do krevi!

— Mi rimarku, ke vi bone utiligis tiujn aspirojn kunpremi la laboristojn, pri kiu vi rememorigas, — venene diris Brantwood, unu el la plej malbonaj kaj malicaj anoj de l' advokata korporacio. — La kunkulpulo ne estas pli bona ol la ŝtelisto — rikanis li. — Vi ne partoprenis la ekspluatadon de l' laboristoj, sed tamen forprenis vian parton el la kaptaĵo.

— Tio tute ne rilatas al la afero, Brantwood, — longigante la vortojn respondis Berty. — Vi estas same bona kiel Hanover, kiam vi citas la moralan elementon. Mi ja ne diris, ke tio estas justa aŭ maljusta. Mi nur scias, ke tio estas tre abomeninda ludo; kaj min indignigas ekskluzive tio, ke vi nun ĝemas, kiam la laboristoj deziras rajdi sur viaj dorsoj. Kompreneble, mi siatempe uzis la kaptaĵon el la ekspluato de l' laboristoj kaj, krome, dank' al vi, sinjoroj, ne havante la bezonon partopreni persone ĉi-malpuran aferon. Vi tion faris por mi, — ho, kredu al mi, ne pro tio, ke mi estis pli bonvirta ol vi, sed nur tial, ke mia patro kaj liaj fratoj lasis al mi amason da mono, per kiu mi povis pagi por tiu malpura laboro.

— Vi deziras diri . . . — varmege komencis Brantwood.

— Pli silente! Pli silente! Ne arogu! — aplombe respondis Berty — ne estas senco ludi je nobleco en ĉi-ŝtelista rifuĝejo. La alta kaj solena stilo estas tre bona por la ĵurnaloj, la junularaj kluboj kaj por la dimanĉaj lernejoj, ĉar tio apartenas al ilia programo; sed, pro dio, ni ne ludu komediojn unu por aliu. Vi mem scias, kaj al vi estas konate, ke mi ankaŭ tion scias, kiajn artifikojn vi faris dum la organizo de l' konstrulaborista striko pasintan aŭtunon, kiu pagis por tio monon, kiu sin okupis pri tio kaj kiu el tio gajnis (Brantwood dense ruĝiĝis). — Sed oni nin ĉiujn kolorigis per unu peniko, kaj tial plej bone estas, lasi ĉian moralon en trankvilo! Kaj mi ankoraŭfoje ripetas: ludu vian ludon, ludu ĝis la fino! Sed nur, pro la kreinto, ne ĝemaĉu kiam oni faras doloron al vi.

Kiam mi forlasis ĉi-kompanion, Berty plue daŭrigis ilin turmenti, pentrante tute ne tro agrablajn perspektivojn de l' situacio, atentigante al la manko de produktoj, kiu jam sentiĝis, kaj demandante, kion ili intencas entrepreni plue. Iom poste, mi renkontis lin en la vestiblo kaj alveturigis lin hejmen sur mia maŝino.

— Ĝi estas kruela frapo, ĉi-ĝenerala striko — diris li, dum ni puŝiĝis tra la stratoj plenaj da homoj, sed kie tamen regis perfekta ordo. — Tio estas detrua frapo al nia korpo. La laboristoj nin kaŝobservis, kiam ni dormetis, kaj donis frapon al ni al la plej delikata loko — la stomako. Mi intencas forveturi el San-Francisko. Obeu mian konsilon, Korf, kaj ankaŭ forveturu. Forveturu al kamparo! Tutegale kien! Tie vi havos pli da ŝancoj. Aĉetu por vi rezervon da provizumo kaj kaŝu vin ien en kabanon aŭ sub tendon. Al homoj, similaj al ni kaj vi, baldaŭ nenio restos por fari en ĉi-urbo, se ne krevi pro malsato.

Mi neniam supozis, ke la antaŭdiro de Berty Mussener evidentiĝos tiom ĝusta. Mi simple opinias, ke li estas timigita. Sed koncerne min mem, al mi tre ridetis la perspektivo resti en San-Francisco kaj observi la kaosiĝon. Post kiam mi alveturigis lin hejmen, mi anstataŭ veni hejmen, forveturis aĉetadi ankoraŭ provizaĵojn. Sed je mia miro mi eksciis, ke tiuj malgrandaj magazenetoj, kie ni aĉetis hodiaŭ matene, estis jam disvendintaj ĉion, kion ili havis. Mi transportis miajn serĉadojn en Portreron, kie mi bonŝance trovis ankoraŭ keston da kandeloj, du sakojn da blanka faruno, dek funtojn de la sekala, "kiu povu util por la servistaro," keston da viandaj konservaĵoj kaj du kestojn da konservita tomato. Mi havis la impreson, ke almenaŭ dum ia periodo da tempo sentiĝos manko je manĝaĵoj, kaj mi tre ĝojis, rigardante tiun kvanton da provizumo, kiun mi sukcesis ekkapti.

La sekvantan matenon mi, kiel ĉiam, trinkis kafon en lito; sed tio, kio min premis pli ol la manko de kremo, estis la manko de matenaj ĵurnaloj. Pli malpeza ol ĉio estis por mi ĉi-nescio, foresto de iuj ajn informoj pri tio, kio okazos tra la mondo. Tage en la klubo mi eksciis ankaŭ tre malmulte da novaĵoj. Rider alveturis en sia motorboato el Auckland, el tiu flanko de l' golfo, kaj Halsted veturis per sia maŝino en San-José'on kaj returnen. Ili komunikis, ke la situacio tie estas la sama, kiel en San-Francisko. La striko haltigis ĉian agadon. La budoj estis ĉion disvendintaj al la superaj klasoj. Ĉie regis plena ordo. Sed kio okazadis en la aliaj lokoj de l' lando? En Chicago? New-York? Washington? Ni decidis, ke, verŝajne la samo, kiel ĉe ni; sed ĉi-plena malscio malviglige efikis je la nervoj.

La generalo Folsom havis iajn novaĵojn. Estis farita provo telegrafi per la militaj telegrafistoj, sed montriĝis, ke la fadenoj al ĉiuj direktoj estis — distranĉitaj. Tio estis la unika kontraŭleĝa ago, farita de l' laboristoj, kaj li estis plene konvinkita, ke tio estis farita laŭ pli frue ellaborita plano. Li sukcesis ekinterrilati radiotelegrafe kun la

milita posteno en Benitia, kaj la telegraf-linion de l' vojo al Sakramento la tutan tempon gardis patroloj de soldatoj. Iufoje ili eksukcesis interrilati kun Sakramento, sed la fadenoj estis denove ie distranĉitaj. La generalo Folsom supozis, ke tiaj provoj estis faritaj de l' estraroj ĉie sur la kontinento, sed li nenion povis diri pri tio, ĉu oni sukcesas aŭ ne. Kio lin pli ol ĉio maltrankviligis, tio estis la difektigo de l' fadenoj; li ne povis ne konsenti, ke tio eniris la planon de profunde antaŭe primeditita laborista konspiro. Li ankaŭ treege bedaŭris, ke la registaro ĝis tiu tempo ne estis aranĝinta la delonge projektitan reton da radio-stacioj.

Esperantigis *V. Elsudo.* (Finota)

---

# ABU LALA MAHARI

## AV. ISAHAKJAN

### Tria Suraho

*Kaj la karavano de Abu Lala'o kun agrabla muĝo de rideta font'*
*Marŝis sub radioj de hontema luno, al la sun' rapidis por feliĉrenkont'.*
*Kaj la lun' serena kaj brilanta lakte, kiel brust' de juna ino el Ĝennat',*
*Jen sin kaŝis honte post la densajn nubojn, jen elnaĝis rave, kiel lumboat'.*
*Dormis perlvestitaj floroj en ĉirkaŭo kun la bonodoro, brusto ĉe la brust'*
*Ĉielark-flugilaj birdoj karesadis unu la alian pepe, sur arbust'.*
*Mil-kaj-unu-noktajn kantojn rav-kantadis la diantodora vento kun la ĝoj',*
*Klinis la dormantaj palmoj kaj cipresoj siajn altajn pintojn vice, ĉirkaŭ l' voj'.*
*Dirojn de l' venteto ĉarma atentante, tiel mutparolis Abu Mahari':*
*— Mondo ŝajnas esti rava fabeleto, kiu fluas bele sen komenc' — sen fin'.*
*Sed ja kiu plektis tian ĉarmfabelon, kun sennombraj steloj, kun senmorta rav'?*
*Kiu do rakontas ĝin kun tia ĉarmo, daŭre kaj senĉese, sub diversa form'?*
*Kiom da nacioj venis kaj foriris, ne ekkompreninte sencon de l' fabel',*
*Nur poetoj parte ĝin kompreni povis kaj eternajn sonojn flustras al orel',*
*Sed neniu aŭdis ĝian prakomencon kaj ne aŭdos iu finon, ve, de ĝi,*
*Tamen ĉiu sono vivas dum centjaroj, mankas ja al ĉiu son' — komenc' kaj fin'.*
*Sed kun ĉiu nokto ripetiĝas same la fabelo rava de la prakomenc'*
*Kaj kun ĉiu vivo ankaŭ la fabelo ja finiĝas kune kun la kaŝa senc'.*
*Vivo estas sonĝo kaj la mond' — fabelo, la naci-popoloj — longa karavan',*
*Kiu, laŭ fabelo, marŝas nevideble al la tomb', kun varma sonĝo-akompan'.*
*Homoj surda-blindaj, vi, ekster la sonĝo, ne kapablas aŭdi or-fabelon ĉi,*
*Vi forrabas panon el alies buŝo kaj al tombo puŝas reciproke sin!*
*Viaj leĝoj vere estas jug' kaj vipo, vera aranea reto sen elir',*
*Pro la puso ili venenigas belan sonĝon kaj fabelon, indajn al admir'.*
*Sciu homoj, viaj malicegaj koroj kaj la vantaj agoj iĝos morta polv'.*
*Viajn sangkolorajn postesignojn nepre, nepre forbalaos iam tempoblov'!*

*Super viaj tomboj tute forgesitaj kun sensenca blovo fajfos la venteg',*
*Kaj sub ĝi vi kuŝos ne povinte ĝui pri la bela sonĝo, pri la ravfabel'.*
*Sur ĉielarkego naĝis karavanoj da magie-perlaj astroj, pro konkur',*
*Kaj ĉiel' senlima sonoradis ĉarme pro la belsonoro de astrar', en kur'*
*Pro eterne ĉarmaj senestingaj sonoj estis magiita la vastega mond',*
*Kaj Abu Lala'o, de l' ĉiel' ravita, per spirit' aŭskultis ilin, sen ekond'.*
*— Iru, karavano mia, kun murmuro sub la sonorado hela de l' ĉiel'.*
*Prenu, vent', doloron mian, ci do marŝu, mia kara, al la cel'.*
*Min al nekonataj malproksimaj landoj forkonduku ien, al lumvesta bord';*
*Ho, oazo mia, de soleco sankta, ci agrablaspira de la sonĝoj font'.*
*Do, ĉiel silenta, per la lingv' de astroj ci kun mi parolu kaj konsolu min.*
*Mian ve-animon ekkaresu panje, ja la mond' kaj homoj dolorigis ĝin.*
*Jen en mi bruliĝas granda ardsopiro kaj eterne plora kompatema kor';*
*En animo mia estas pompa sonĝo kaj larmeroj sanktaj, amo kaj angor'.*
*Mi spiritlibera ne toleras iun forton ordonantan kaj regantan min,*
*Nek landlimojn, leĝojn, nek malbonon, bonon, nek justecon, juĝon et-konfesas mi*
*Tute devas manki super mia kapo ies ajn defendo, ĉia juro ajn!*
*Ĉio ekster mia viv' nun estas fia, sklavigad', perforto, malliber', malgajn'.*
*Mi deziras esti nun libera plene, sen sinjor', sen devo, kaj sen dio eĉ!*
*Pri liber' sopiras nun animo mia, pri liber' senlima, vasta grandliber' . . .*
*Kaj la karavano marŝis al antaŭo, super ĝi briletis gaje sur ĉiel',*
*Kun infana rido, la serenaj astroj, la eterne brilaj steloj en liber'.*
*Kun magia lumo tra serena nokto brilis la vojego en turkisa for',*
*Kaj la karavano balancante, pace iris al la vojo, al turkisa for'.*

El armena lingvo trad. G. SEVAK (Erivanj).

# HERMAN HEYERMANS

## (Skizeto pri liaj vivo kaj verkoj)

*G. P. DE BRUJN*

La plej konata figuro el la malmultaj nederlandaj socialistaj aŭtoroj estas sendube Herman Heyermans. Li verkis romanojn, skizojn, rakontojn kaj grandan nombron da teatraĵoj. Sed estis precipe ĉi-lastaj, kiuj igis lin populara. Ili estis ludataj centojn da fojoj, tiel de profesiaj, kiel de amatoraj teatro-unuiĝoj. Multaj el ili estis tradukitaj en aliajn lingvojn. Kiu ne konis Herman Heyermans? Kiu ne vidis unu aŭ pli el liaj teatraĵoj? Li estis tre konata, pli ol iu alia.

Herman Heyermans naskiĝis la 3. Decembro 1864. Liaj gepatroj destinis lin por la komerco, sed li ne interesiĝis pri ĉi tio. Jam baldaŭ li okupis sin pri literaturo. Li komencis per malgrandaj rakontoj. En 1893 li publikigis sian unuan teatraĵon "Dora Kremer". Ĝi ne altiris la atenton. Li plikonatiĝis, kiam li en 1898 komencis la eldonon (kaj redakton) de "De Jonge Gids" (La juna gvidanto). En tiu ĉi revuo li kontraŭis la burĝajn perceptojn pri arto kaj moralo, la burĝan "l' Art pour l' Art"-teorion kaj defendis tiurilatan socialistan starpunkton. Sed propran lokon en la nederlanda literaturo li akiris ĉefe per siaj poste aperigitaj teatraĵoj, el kiuj "Ghetto"[1], "Het zevende gebod"[2], "Allerzielen"[3], "Ora et Labora"[4] kaj speciale "Op hoop van zegen"[5] iĝis la plej konataj.

Dum vico da jaroj li estis direktoro de profesia teatro-unuiĝo en Amsterdam kaj klopodis en tiu funkcio iomete efektivigi siajn principojn pri teatro kaj arto. Malprospera kaj malfacila tempo por li. Sed li persistis. Malgraŭ ĉiaj malfacilaĵoj kaj malsukcesoj li ne cedis. Li faris ĉion, por ke almenaŭ restu unu unuiĝo, kiu ludus por la laboristoj. Ĝis fine li ne plu povis. Malĝojigite li malfondis la unuiĝon.

---

[1]) Israelida kvartalo. — [2]) 'La sepa ordono' (de la dekalogo, tekstante: vi ne adultos). — [3]) All souls day, Jour des morts, Allerseelentag) la 2. Novembro, tago je kiu la katolikoj memoras siajn mortintojn kaj preĝas por ili. [4]) Preĝu kaj laboru (latine). — [5]) Laŭvorta traduko: Je espero de beno, nomo de ŝipo, signifanta, ke oni elveturas kun la espero, ke la laboro estos benata, t. e., ke oni havos riĉan kaptaĵon. En angla kaj germana lingvoj oni tradukis, se mi ĝuste memoras, Die gute Hoffnung, The good hope (La bona espero). Rusa titolo: Pereo de espero. Fragmento el ĉi-teatraĵo (sub la titolo "Virinoj rakontas") aperas en n-o 6 (30) de "S. R.", Marto 1926.

Ree li dediĉus sin al la literaturo. Li ankaŭ devis tion por enspezi da mono por pagi siajn ŝuldojn. Ĉar Heyermans estis malriĉa, malriĉega. Sed multon li ne plu povis fari. Li, la laboregulo, preskaŭ ne plu povis labori. Terura malsano konsumis liajn fortojn. Lia malriĉeco plenigis lin per zorgoj pri siaj edzino kaj infanoj. En tiuj cirkonstancoj mortis la 22. Novembro 1923 la plej granda literaturisto de Nederlando, amiko de senhavuloj kaj subpremitoj — Hermann Heyermans.

Heyermans ne estis revoluciulo, kiu per siaj verkoj flame alvokas al ribelo kaj batalo. Tra liaj verkoj ne blovas la spiro de la revolucio. Etburĝa medio kaj etburĝaj interrilatoj ne estigas la revolucian artiston. Heyermans venis al la socialismo (li estis social-demokrato) pro sia sentema koro kaj pro sia granda amo al la etuloj kaj la malfortuloj. Lin kortuŝis la mizero kaj sufero de la malriĉuloj, lin indignigis la krueleco kaj maljusteco en la nuna socio. Kaj per siaj teatraĵoj li montris la malbonaĵojn de vivo kaj socio, per siaj teatraĵoj li sentigis al la homoj la dolorojn kaj suferojn de aliaj.

Burĝa kritiko nomis liajn verkojn tendencaj. Heyermans ne iris la malnovan vojon, li volis doni ion novan, li volis montri la vivon tia kia ĝi estas "en ĉiuj ĝiaj fenomenoj, tiel kiel ni observas ĝin, la vivon senigitan de ĝia ŝajno, ĝia trompo, ĝia supraĵo".

En "Op hoop van zegen" li skizas la malfacilan kaj danĝerplenan vivon de la marfiŝistoj, ofte minacataj de la morto, la senkompatecon de la ŝipoekspluatanto, kiu neplutaŭgan ŝipon tamen maren sendas por akiri la asekursumon, oferante la vivon de la ŝipanoj, la tragedian sorton de la virinoj, ĉiam en timo pri siaj edzoj, filoj, fianĉoj, kiuj ja ofte ne revenos. Kaj li montras la malbonaĵojn: ŝipoekspluatanto povas nepunate oferi la vivojn de siaj ŝipanoj; edzinoj kaj infanoj de pereintaj fiŝistoj senhelpe postrestas. Ĉi tiu teatraĵo havis grandan influon kaj parte efikis, ke la tiurilataj leĝoj estis iomete plibonigataj.

En "Allerzielen" li montras la kontraston inter la doktrino de Kristo kaj la vivopraktiko de liaj sekvantoj: la pastroj, en "Het zevende gebod" la falsecon kaj hipokritecon de la burĝaj edzeco-moroj.

Heyermans ne verkis por distri la homojn, sed ĉar li havis ion por diri. Li volis, ke liaj teatraĵoj ĉe la publiko postlasu la impreson, ke ili pensigu la homojn. Kaj malgraŭ ĉi tio ili ne estas lerte kombinitaj elpensaĵoj, sed fragmentoj el la vivo, estas liaj personoj ne ludantaj pupoj, sed vivantaj homoj. En tio kuŝas lia sukceso.

Ankaŭ en siaj aliaj verkoj: romanoj, skizoj kaj rakontoj, parte aperigitaj sub pseŭdonimo Samuel Falkland, montris Heyermans sin eminenta verkisto. Lia akra vido, liaj fortaj ironio kaj bonhumoro, lia kono pri popolvivo kaj liaj propre-apartaj stilo kaj esprimomaniero donis al li tute apartan lokon. Sed por la popolo estis Heyermans nur la aŭtoro de multe ŝatataj teatraĵoj.

# METODOJ DE LA BRITA EDUKADO LABORISTA

*Mark Starr*

En la oktobra n-o mi jam klarigis la ĝeneralan starpunkton, amplekson, kaj la temaron en brita edukado laborista. Multe influas nin la moderna teorio, en kiu la studanto ne estas kruĉo plenigota, sed floro, kies menskreskon oni devas helpi. La instruisto, kiu estas nur gramafono, spite ke li scias multon aŭ povas deklami enciklopedion, ne sukcesas; li devas pensigi sian studantaron.

## KLASO KAJ LEKCIISTO

Nia ordinara klaso daŭras du horojn. Ofte ĝi komencas per lekcio sekvata de diskuto. Kvankam niaj studantoj estas maturuloj, kaj ofte venis al la kurso vespere, lacigitaj de laboro, ofte okazas vigla diskuto. Dimanĉo plej bone taŭgas por klasoj, ĉar tiam la laboro ne eluzis la studanton, krom tio ofte dumsemajne la laboristo devas funkcii jen matene, jen postagmeze, jen vespere, kaj eĉ dimanĉe kelkaj el la fervojistoj ne povas ĉeesti. La bona lekciisto, laŭ ni, ofte uzas la kreton kaj nigran tabulon; ofte haltas kaj resume ripetas; demandas kaj petas informon de siaj aŭskultantoj; kaj influas ilin verki priskribon de la leciono hejme. Ofte la studanto komencas verki per letero persona al instruisto aŭ per skribita respondo al simplaj demandoj. Ĉe komenco de ĉiu klaso, per demandoj donitaj de la instruistoj, la kursanoj resumas la antaŭajn lecionojn.

Mankas al ni sufiĉe da lekciistoj kaj instruistoj. Ofte ilia laboro estas senpaga, ĉar nur iom post iom laborist-sindikato financas la aferon. Sed laŭsperte pli taŭgas kamarado kiu scias ambaŭ: la laborejon kaj la libraron, kaj per kolegioj, sendependaj de la ŝtato kaj la burĝaj universitatoj, la provizo de instruistoj pligrandiĝas.

## INSTRUO PER KORESPONDO

Kie oni ne povas havi instruiston, studrondo stariĝas. El elektita broŝuro la kursanoj legas paragrafon post paragrafo, kaj la sekretario sendas iun malfacilan problemon, kiun en diskuto oni ne solvis, al la centra oficejo. Ofte la klaso laboras laŭ sendita leciongvidilo kaj verkas traktaĵojn por korektado. La National Council of Labour Colleges (Nacia Konsilantaro de Laboristaj Kolegioj) instruas la individuon per Korespond-Kursoj pri jenaj temoj: Gramatiko (angla) kaj Verkado de Traktato; Publika Parolado kaj Voĉekzercado; Historio de Laboristaro Brita; Soçia Historio; Revoluciaj Epokoj en la Historio; Ekonomio; Ekonomia Geografio; Loka Regado (Ekzameno de la administrad-institucioj); kaj Esperanto. Po unu por ĉiu monato, la studanto ricevas lecionon kaj lian verkon ekzamenas spertulo, kiu korektas kaj konsilas. Unu jaro da studado kostas s. 21/— d. (dudek unu ŝilingojn).

## TRA LA ORELO, ANKAŬ TRA LA OKULO

Tre gravas en nia edukado la provizo de la dependebla lecionaro kaj la lernolibro. Ni penas eldoni malkare la verkojn, kiuj gvidas la studanton kaj informas lin, kie inter la burĝaj verkoj li povos trovi informon. Kelkfoje kun ordinaraj eldonistoj oni povas aranĝi malkaran eldonon de necesaj verkoj. Nia literaturo ne limiĝas al la ekonomia aŭ historia verko, ekz., la Plebs'a Ligo aranĝis malkaran eldonon de “La Amaso kaj la Homo“ ĉar nuntempe en laboristrondoj tie ĉi la teatro estas pli uzata.

Ofte en kurso ĉiu studanto mem aĉetas la tekstlibron. Tiel ofte, kiel eble, ni uzas en la lernolibroj bildojn, diagramojn kaj mapojn. Monato post monato en la speciala revuo “La Plebs“ aperas materialo por la studanto kaj la instruisto, pritrakto de novaj tendencoj ekonomiaj, apliko de socia scienco al nuna problemo, recenzoj pri utilaj verkoj, mapoj, kiuj klarigas la mondpolitikan aferon, statistikon, ktp.

Mi volas uzi projekciilon (ekz. Le Dussaud), sed mankas la mono kaj kutime la instruisto kolektas bildojn el libroj kaj ĵurnaloj kaj cirkuligas ilin inter la klasanoj. Plej bone taŭgas la bildoj, kiuj tuj montras komparon, ekz. la koraklo primitiva kune kun nuntempa ŝipego; la silikŝtoneto de la prahomo kun la elektra karbtranĉmaŝino; kaj la pra-baston-fosilo kun la vaporplugilo. Per diversaj metodoj la instruistoj plilarĝigas la diagramojn, tabelojn, mapojn ktp. por uzi en klasĉambro.

## LA LUMBILDO KAJ LA FILMO

Tre utilas al ni por publikaj kunvenoj la lumbildoj. Aĉeteblaj kaj luprenеblaj ĉe la N. C. L. C. estas la jenaj kliŝaroj: Moderna Imperialismo, La Komuno de Parizo, La Movado Kooperativa, La Rusa Revolucio, La Historio de Sendependa Edukado Laborista kaj La Primitiva Homo. La dungkosto de ĉiu kliŝaro estas s. 7/6 d. por 3 tagoj. Bedaŭrinde en Britio ne iu proleta kino-fabrikejo ekzistas. La filmo estas nur utila amuzilo kaj distrilo por la profito de l'kapitalistaro. Sed unu brita sindikato, la poŝtista (U. P. W.), fabrikigis filmon pri la poŝta laboro kaj sia propra funkcio. (Laŭ raporto, en Usono la Amerika Federacio de Laboro agis simile.) Nun propagandas firmao brita, enkonduki la filmon en la ŝtata lernejo, por instrui biologion, geografion kaj la mekanikon. Antaŭ du semajnoj mi vidis tre bonajn filmojn pri vivo de tropeolo (milfoje rapidigita); pri industrio en la Brita Imperio (iom ŝovinista propagando); pri vivo de moskito (milfoje malrapidigita); kaj pri funkcio de aŭtomobilo. Sed la plej malkara transportebla ilo kostas 23 funtojn sterlingajn kaj la filmo mem ne estas protektata kontraŭ fajro. Pro tiu kosto plus lukosto de la filmo) la N. C. L. C. ĝis nun ne povas utiligi la filmon. En Britio en diversaj urboj sindikatoj laboristaj jam posedas kinematografejojn kaj certe estus bonega,aranĝi intersanĝon de filmoj.

Per la vizito al la muzeo kaj al antikva konstruaĵo, per pritrakto de teatraĵoj kaj romanoj, la instruisto penas aktualigi la temon. La N. C. L. C. starigis specialan libraron kaj ofte konsilis kamaradojn pri libroj indaj por meti ilin en la loka, urba aŭ distrikta librejo.

## LA MALLONGA ENKONDUKA KURSO

Dum la lastaj jaroj iom ŝanĝis nia studplano. Antaŭ la starigo de Edukada Skemo flanke de gravaj sindikatoj, en malgranda klaso malmultaj kamaradoj entreprenis longan kurson de 24—30 lekcioj en Socia Historio kaj 24—30 en Ekonomio. Sed tro malfacila la afero estis por la pli ordinara vivo kaj iom la marksistoj dividis la teorion de la apliko. La laboriston ne unue interesas, kion diris Marks. Li pli volas kompreni la ĉiutagan problemon; la vivo pli gravas ol la verko, eĉ de Marks. Tial pli mallongiĝis la kursoj. Anstataŭ el 24 lekcioj, komencis serio el 6 interparoloj pri la kresko de la brita sindikataro. Ofte estas unu vizito al kunveno sindikata por pritrakti ekzemple "La Salajron aŭ "La Senlaborecon". Tielmaniere la sindikatano ekinteresas kaj poste ĉeestus longan kurson kaj ni penas starigi studplanon, kiu organizos la mallongajn kursojn. Jen la ordo:

1. jaro: *Sindikatismo,* evoluo k. problemoj.
   *Ekonomia Geografio* — influo de natura medio kaj klarigo de mondpolitiko.
   *Socia Historio* — kresko de socio — klasdividoj, la ŝtato, veno de la maŝinaro.
2. jaro: *Ekonomio* a) La teorio, b) La apliko.
3. jaro: *Historia Materialismo:* — filozofio, politikaj institucioj, arto kaj literaturo, modernaj problemoj — revoluciaj problemoj.

Ne forgesu, ke tio ĉi estas ideala plano, kiu dependas je la provizo de instruistoj, de la tempo de la studanto ktp. Plue, ofte ni aranĝas specialajn klasojn pri paroladarto, Esperanto, la leĝaro rilate al la sindikato, psikologio, biologio ktp., kelkfoje en nia plano kaj kelkfoje ekster ĝi.

## LA LOKO DE HISTORIO

Estus ĝenerala konsento, ke oni instruu historion antaŭ ol ekonomion, ĉar niaj studantoj jam iom scias pri historiaj datoj kaj okazintaĵoj. Kompreneble

la du aferoj ĉiam intermiksiĝas. Sed ni iru de io jam sciita al la nesciataĵo. Unue la fakto de vivo; poste la ekonomia faktoro kaj klarigo. Se la studanto unue ricevas kiel formulon la ekonomian "leĝon", eble li nur ripetos papage kaj ne serioze aplikos.

Ĉu en historio oni iru antaŭen aŭ malantaŭen? Jen demando diskutata ĉe ni. H. G. Wells opinias, ke ne komencu ĉe la amebo mem kaj el la tre simpla afero vojaĝu al la tre komplika socio. G. D. H. Cole eksperimentas kaj komencas je la nuna socio kaj veturas returnen, sed li devas trakti ĉiun fazon aparte, ekz.: la ŝtato, la organizo de industrio. Laŭ nia sperto estas rekomendinde sekvi la historian kreskon sed ĉiam doni paralelon kaj kamparon kun la nuna stato. Historio ne estu "novaĵo el tombejo", sed gvidilo kaj klarigilo en la moderna socio. Kiel mi jam klarigis, ni ne restis en rutino, sed ŝanĝis la temon kaj ĝian pritrakton por taŭgigi kaj vivigi ilin al la studantaro.

## MANKO DE ESPLORFAKO HISTORIA

Ĝis nun ni ne havas specialan historian esplorfakon. Progresemuloj certe esploris la originalan dokumentaron pri la periodo 1750 ĝis 1925. Estas 3 Esplorkomitatoj tie ĉi; unu apartenas al la I. L. P. (Sendependa Laborist-Partio); alia al la Laborist-Partio kaj la Sindikataro (T. V. C.). Tiuj ĉi ĉefe okupiĝas en la provizo de faktoj kaj argumento por la ĉiutaga politika barakto. La L. R. D. (Laborista Esplor-Fako) estas sendependa je ĉiu partio kaj helpis la sindikatojn per informo pri profito, salajro ktp. Sed ne ekzistas en Britio esplorfako pri historio, kaj ni ĉefe dependas de la burĝaj esploristoj kaj iliaj verkoj.

## RAJTO DE STUDANTOJ

En nia studplano la studanto, helpata per konsilo de la instruisto, elektas la temon. En multaj distriktoj ili havas specialan asocion kaj multaj organiziĝis en la Pleb's Ligo, kiu konsistas el individuoj, kiuj batalas pro sendependeco en socia edukado. La studantoj elektas la horon, tagon kaj lokon de la klaso kaj ofte ĝi okazas en la ĉambro de iu sindikato, kooperativo, aŭ loka Laborista Partio. Ni ordinare ne povas uzi la ŝtatan lernejon eĉ kiam ni konsentas pagi la koston.

## BAROJ

Laborista edukado suferas pro multaj kaŭzoj. En la ŝtata lernejo brita ĉiu infano ricevas la kapitalistan influon; parte la infano naŭziĝas pri edukado, kaj parte tiu edukado dresis lin esti sendanĝera por la kapitalist-sistemo. Kutime la amas-edukado en lernejo similas al la amas-produkto en la fabrikejo. Eĉ kiam en malmultaj lernejoj ili aplikas la Dalton'an Planon, ĝi nur efektiviĝis, por ke la plej lerta individuo, forgesinte pri la grupo, atingos pli bonan individuan postenon en la sistemo. La "novaj lernejoj" kaj iliaj eksperimentoj estas ĉeesteblaj nur por la riĉuloj. Iom simila al labor-lernejo estas ekz. lernejo ĉe Oundle, en kiu estas forĝejo, ĉarpentejo ktp. "Lerno per faro" fariĝas la devizo, sed post edukado la anoj revenis al riĉaj hejmoj. Ne povas ekzisti bona lernejo en malbona kapitalista socio.

Tial nia laboro estas unue reago kontraŭ burĝa edukado. Ĝis nun nur la malplimulton de la laboristaro ni povas instrui. En Britio estas 12—13 milionoj da gelaboristoj kaj organizataj estas nur 4½ milionoj. La klasoj de la N. C. L. C. nombriĝas nur je 1048 kun 25 071 studantoj en jaro 1924/25. El 1100, nur 28 sindikatoj (kun 1 750 000 anoj) starigis edukadskemon kun la N. C. L. C. Mankas mono kaj sufiĉa provizo de instruistoj. Ni penas helpi niajn studantojn fariĝi instruistoj, sed la bezono kreskas pli kaj pli rapide.

En Sovetlando oni povas kombini la teknikan kaj ĝeneralan edukadon. Tie ĉi la teknika kolegio provizas la lertulon je pli malalta salajro por la industrio, posedata de la kapitalisto. Nur la maturulo venas al niaj kursoj, kvankam komencas tie ĉi la organizo de la junularo. Sed pro progreso farita ni kuraĝas. Ni laboras kun la evoluo de historio. El la barakto ni helpas la kreskon de grupkonscio laborista. La batalanta studanto kaj studanta batalanto certe fine venkos. La fermentilo funkcias spite de ĉio.

# LIBROJ DE SAT

## ELDONA FAKO KOOPERATIVA

| | PREZO mk. g. |
|---|---|
| **Faŭsto,** Goethe | 1.20 |
| **Eklumo en Abismo,** Barbusse. (broŝ.) | 0.80 |
| **Malgranda Terbiblio** (Prolet. Atlaso), Szeréni | 1.80 |
| **Proletaria Kantaro** (74 kantoj kun notoj) | 3.— |
| **Tri Verkoj de Leo Tolstoj** | 0.80 |
| **El la Mondbildo de l' Nova Fiziko,** Muravkin | 0.60 |
| **La Kemio de la Universo,** Fersman | 0.60 |
| **La Morto de Blanjo,** Jean Tousseul | 0.60 |
| **La Komunista Manifesto** (2. eldono) | 0.60 |
| **Dokumentoj de Komunismo** | 1.— |
| **ABC de Sennaciismo,** V. Elsudo | 0.50 |
| **For la Neŭtralismon!** (2. eldono) | 0.25 |
| **Kontraŭ Dio!** Ateista Krestomatio | 0.40 |
| **Orienta Blovo** | 0.40 |
| **En Katenoj de la Maljusteco** | 0.60 |
| **Ni Legu!** Brunulo. (Internacia Legolibro) | 1.— |
| **Petro,** Kursa lernolibro laŭ parola metodo | 0.70 |

— La prezoj kompreniĝas inkluzive sendkostoj —

## MALKARAJ LIBROJ

| | |
|---|---|
| **Fundamenta Krestomatio** de D-ro Zamenhof | 2.75 |
| **Fundamento de Esperanto** (france, angle, germane, ruse, pole) | 1.25 |
| **Lingvaj Respondoj** (92 paĝoj), sur simpla papero | 1.50 |
| sur luksa papero | 2.25 |
| **Marta,** Romano (237 paĝoj) | 2.— |
| **La Rabistoj** (144 paĝoj) | 1.20 |
| **Vortaro de Esperanto** (esp-o-esp-a) de Kabe | 2.50 |

La prezoj kompreniĝas inkluzive afranko. La livero de libroj, kiujn peras nia librejo, okazas nur kontraŭ antaŭa pago. Rekomendite ni sendas, se oni aldonas 15 % pli al la pago.

**Krom tio ni liveras ĉiujn esp. librojn de aliaj eldonejoj**




**Mendu ĉe Administracio de SAT**

**RICHARD LERCHNER**

**LEIPZIG O 27, COLMSTR. 1**

Presejo: Uns-Produktivgenossenschaft, Leipzig (Germanio)